# BOLETIN

DE LA FEDERACION ESPERANTISTA ESPAÑOLA

AÑO VI N.° 4 (64) ABRIL, 1954

## EL ALMA DEL IDIOMA

La característica esencial de un idioma auxiliar es la sencillez y facilidad para ser aprendido y conservado en la memoria. En el transcurso de estos nuestros artículos, ha quedado bien sentado que el Esperanto es el arquetipo de la simplicidad gramatical al servicio de la lógica idiomática, y no vamos a insistir sobre el tema, suficientemente explicado y demostrado. Pero esto no es todo. El Esperanto combina esta sencillez y esta lógica constructiva con otras cualidades que las valorizan y realzan. Estas son: la adaptabilidad a todos los matices del pensamiento y la posibilidad de expresar, sin perífrasis ni circunloquios, todos los postulados del estilo literario y las exigencias exactas de la ciencia y la técnica.

Estas cualidades han hecho que el Esperanto sea el único idioma auxiliar que haya podido, no solamente extenderse por todo el mundo, sino también resistir la prueba del tiempo. Otros idiomas pretendieron desplazarlo, sin lograr otra cosa que hacer resaltar más y más sus excelentes cualidades, hasta el punto de que en la UNESCO tan sólo se ha tomado en cuenta al Esperanto para solucionar el caos lingüístico actual. Esas condiciones de perennidad y capacidad son las que han posibilitado que el idioma creado por Zamenhof tenga lo que otros no pudieron alcanzar, y que es privativo de los idiomas espontáneos: el alma.

En efecto, en el lenguaje no todo es convenio, gramática y clave más o menos amplia. En él no sólo se expresan ideas o simples postulados materiales, sino que además se exteriorizan sentimientos, anhelos, temores, vehemencias y repulsiones. Toda la gama de la capacidad anímica del ser humano. Y todo ello, con perfecta adaptación, puede ser expresado por medio del idioma auxiliar. Muchos creen que el Esperanto, por ser

BOLETIN
de la
FEDERACION ESPERANTISTA ESPAÑOLA
BULTENO
DE HISPANA ESPERANTO-FEDERACIO
VALENCIA
Redakcio: Str. Pelayo, 7, 1.ª
Adresoj de la Federacio
Sidejo: Str. Ruzafa, 7 (Casa Chaume)
Oficejo: Str. Pelayo, 7, 1.ª
Telefonoj: 19532 kaj 53579
Oficej-horoj
9 ĝis 13'30 kaj 15 ĝis 20
Sabate: nur 9 ĝis 13
Kunvenejoj
Marde: Str. Ruzafa, 7 (Casa Chaume)
De la 22'30 ĝis 24
Sabate: Montepio de la Dependencia Mercantil
Str. San Vicente, 67, 1.ª
De 15'30 ĝis 18
Kotizoj de la Federacio
Simpla membro: 15 pesetojn jare
Membro-abonanto: 40 pesetojn jare
Membro-subtenanto: 75 pesetojn jare
La membroj de la du lastaj kategorioj ricevas la Bultenon. La subtenantoj ricevas du ekzemplerojn.
Ekster-landa abono al la Bulteno: 40 pesetojn jare
Monsendojn adresu al:
S-ro Ernesto Hurtado
Str. Pelayo, 7, 1.ª - VALENCIA

# VIVO SAMIDEANA

**D-ro Tudela, ĉampiono**

En grava kaj tre disputata turniro pri batilpilkludo, D-ro Ernesto Tudela, Delegito de UEA en Valencia,



atingis la venkon super plej junaj kaj lertaj ludantoj (kvankam nia samideano, «sekrete», estas jam sesdekjara!) Nia kara amiko, krom sia laciga profesia laboro —li estas unuaranga akuŝisto kaj ĥirurgo— dronas ĉiutage en papermaro, preparante dokumentitajn esperantajn vortarojn, gvidas kursojn kaj sin permesas venki junulojn en tiel lerta sportludo kiel estas *la hispana pilkludado per ligna batilo.*

Okaze de ĉi tiu ĝojiga triumfo, ni esprimas al nia elstara samideano plej koran gratulon, kaj ankaŭ nian dankon pro la utila tasko kiun li plenumas por Esperanto.

—

un artificio, queda imposibilitado para esta *exteriorización*, y da *pena oir esto*, no sólo al vulgo ignaro, sino a gentes que alardean de su cultura, y a otros que en realidad la tienen, pero que debieran abstenerse de opinar sobre este asunto. Son pocos los sabios que tienen la franqueza de Menéndez y Pelayo, que, inigualable en tantos y tantos aspectos de la cultura, exponía sin rebozo su cortedad aritmética. Los esperantistas comprueban constantemente que escasean los hombres del fuste de Menéndez y Pelayo, y que, por el contrario, abundan los que omiten «a priori» juicios carentes de fundamento.

El Esperanto tiene alma, a pesar de ser un artificio, por el mismo motivo que la tiene la música, que también es un artificio humano. ¿O es que tan sólo son capaces de conmover, los balidos de las ovejas o el caramillo del pastor? ¿No es también puro artificio la estatua de Miguel Angel? ¿Y acaso no puede sugerir emociones puras y elevadas? Por encima de todas las disquisiciones, fundamentadas casi siempre sobre el desconocimiento de la materia enjuiciada, están los hechos. La Santa Biblia, Hamlet, las comedias de Molière los dramas de Schiller, la gama inacabable de tipos y costumbres, miserias y grandezas de los personajes de Shakespeare y, por último, pero no en menor grado, la recia enjundia de los capítulos del Quijote, quedan ahí, para invalidar los prejuicios y los juicios emitidos demasiado «a la ligera», sobre la capacidad anímica del idioma Esperanto que, a diario, en *oficinas, correspondencia, conferencias y libros* imperecederos, va demostrando que también él tiene su corazoncito. En él se reza, en él se oye la palabra de Dios, en él se educan muchos niños, y en él, paralelamente con el idioma materno, del que nadie debe pretender menoscabo, aprenderán los hombres de diversas naciones a dialogar en son de paz.

*Dr. Rafael Herrero, por la «Radio Alerta», de Valencia.*

# KALEJDOSKOPO

Rigardo al la Esperanto - gazetaro

## LA EŬROPA KNABINO

En la lasta jaro oni povis legi diversajn artikolojn en la Esperanto-gazetaro kaj en nacilingvaj gazetoj pri la vojaĝoj de germana knabino Sinjo, kiu en la aĝo de nur dekkvar jaroj tutsola vojaĝis tra Eŭropo kaj dank' al Esperanto ĉie trovis tre koran akcepton kaj bonan protekton. Tiu knabino, kies kompleta nomo estas Siglind Erika Schmalzriedt, verkis libron pri siaj spertoj, en germana lingvo. Oni preparas Esperant-lingvan eldonon, kies efektivigo verŝajne dependas de la sukceso de la germanlingva. Nu, ni ne dubas, ke ĝi estas sukceso, ĉar la libro havas verkistajn kvalitojn, kiujn oni ne serĉus ĉe dekkvar-jara knabino. Kvankam ŝi ne estas poetino —ŝi tion ankaŭ ne pretendas— ŝi havas alian talenton, kiu ankaŭ ne estas ofta, t. e. ŝi estas perfekta ĵurnalistino: ŝi tre bone observas kaj poste prezentas siajn impresojn kaj pensojn en tre facila, flua stilo, kiu estas agrabla por legi. Mi mem tralegis la tutan libron seninterrompe kaj mi pensas ke ankaŭ aliaj personoj, ĉu alkutimigitaj al pure serioza literaturo, ĉu ŝatantoj de knabina literaturo, trovos multe da plezuro en ĝi. La unua granda vojaĝo de Sinjo, kiu antaŭe jam transsaltis la landlimojn al Svislando kaj Aŭstrio, kondukis ŝin al Danujo, kie ŝi pasigis du belegajn monatojn en somero 1951. Poste ŝi vojaĝis kune kun la sveda karavano al München, kie tiam okazis la 36-a Universala Kongreso. Ŝ a priskribo donas bonan imagon al neesperantistoj pri la atmosfero, kiu regas en niaj universalaj kongresoj kaj kiun oni ja aliloke nenie povas trovi. Poste ŝi vojaĝis al Francujo, kie ŝi restadis en diversaj lokoj dum du monatoj. Ĉie ŝi estis kore akceptata de siaj korespondantoj kaj de novaj amikoj. En Parizo ŝi estis invitata fari prelegon en salono de la fama universitato Sorbonne. Oni imagu, kian kuraĝon bezonas knabino por riski paroladi al tiel multaj homoj! El Francujo ŝi poste saltis



*Sinjo Schmalzriedt*

trans la kanalon en Anglujo, kie ŝia korpo multe frostis pro malbona hejtado kaj ŝia koro varmiĝis pro la simpatio de la angloj.

En la fino Sinjo ankoraŭ restadis en Nederlando, kie ŝin akceptis Teo Jung, la konata redaktoro de Heroldo, por fine reiri al sia patrujo, kie ŝi nun devas daŭrigi la lernadon. Ĉie Sinjo estis akceptata ne nur de la Esperantistoj —en Anglujo ŝi devis paroladi ankaŭ en multaj lernejoj— sed ankaŭ la gazetaro kaj la radio interesiĝis pri ŝi kaj aperigis intervjuojn kun Sinjo, kiu per unu lingvo konkeris ĉiujn landojn kaj ricevis la honortitolon «la Eŭropa knabino». (Tiu ĉi artikolo estis disaŭdigata de radio Schwarzenburg la 24-an de novembro 1953).

*A. B. en «Svisa Espero» (mallongigita).*

UEA afable disponigis la kliŝon

---

## MADRIDA ESPERANTO - KLUBO

**Niaj bravaj madridaj samideanoj, kiuj tiom devis lukti pro la manko de monrimedoj --nia eterna konzono-- kaj la ĝenerala indiferento en nia ĉefurbo, kio okazigis, ke ili ne estis trovintaj konvenan ejon por la Klubo, fine alvenis al interkonsento kun la Centro Riojano, kaj luis ĉambron en ĉi tiu asocio, kie ili klarigas Esperanto-kursojn kaj kunvenas ĉiujn mardojn kaj ĵaŭdojn. La nova adreso estas: MADRIDA ESPERANTO-KLUBO, Pizarro, 19 (Centro Riojano).**




# LA VOĈO DE L' KONGRESO

**XV-a Hispana Kongreso de Esperanto**
**24 - 27 Julio 1954**

**Adreso de la Organiza Komitato:**
**Santa Isabel, 10 - ZARAGOZA**

Ni tre plezure sciigas interesajn kaj gravajn novaĵojn. La unua estas, ke la Moŝta Rektoro de la Universitato de Zaragoza, S-ro Miguel Sancho Izquierdo, malnova esperantisto, kiu iam eĉ estis sekretario de la loka Grupo «Frateco», konsentis esti Honora Membro de nia Kongreso kaj oferis al ni la salonojn de la Universitato kaj de la Medicina Fakultato por la Solena Malfermo kaj la laborkunsidoj. Li ankaŭ konsentis paroli al la kongresanoj, de ĉe la prezideja podio, dum la malfermo. Ĉi tiu sciigo estas por ni eksterordinare ĝojiga ĉar, se la plej alta universitata instanco helpas nin, la sukceso estos ankaŭ kun ni.

La alia novaĵo estas, ke la Ĝenerala Direktoro pri Poŝto permesis la uzon de speciala poŝtmarkstampilo kun anonca teksto pri nia Kongreso, dum la kongresaj tagoj, kaj decidis starigi poŝtkontoron en nia Kongresejo.

*KONGRESAJ GLUMARKOJ KAJ ILUSTRITAJ POŜTKARTOJ.* Aĉetu ilin grandkvante por kontribui al la plej efika propagando pri nia Kongreso.

*INTERNACIA EKSPOZICIO.* La Komitato esperas, ke ĉiu fervora kaj bonvola kolektanto afable sendos ĉiajn esperantaĵojn kun la celo, ke nia Ekspozicio estu konvinka pruvo por la ekstera publiko pri la graveco kaj utilo de nia afero.

*PRESITAJ PAPERO KAJ KOVERTOJ.* Ili estas jam je la dispono de la samideanaro, kiu povos ilin uzi por sia korespondado. Mendu ilin ĉe nia Komitato. Unu paperfolio kun unu koverto: 0'50 pesetojn.

*LITERATURA KONKURSO.* Bonvolu atenti, rilate la 4-an kondiĉon de nia Konkurso (legu nian martan bultenon), pri la jena instrukcio: La verkoj ne devas esti subskribataj de la aŭtoroj, sed oni devas signi ilin per devizo, kaj kun la verkoj oni kunsendu en fermita koverto la nomon de la verkinto, kun la koncerna devizo skribita sur la koverto. Verkojn, kiuj ne alĝustiĝos al ĉi tiu kondiĉo, ni bedaŭrinde rifuzos.

*EKZAMENOJ PRI KAPABLECO.* La Komitato deziras reliefigi la bezonon kaj gravecon de ĉi tiuj ekzamenoj, kaj esperas, ke *ĉiuj samideanoj* ne posedantaj titolon de kapabla esperantisto, konscios pri sia nepra devo kaj sin proponos al la ekzamenoj. Ĉiu samideano konsideru kiel honoro, esti diplomita esperantisto.

*STATISTIKO.* Ĝis la 20-a de Marto, 173 Kongresaliĝoj alvenis. Jen ilia klasigo, pri eksterlandanoj, laŭ landoj, kaj pri hispanoj, laŭ provincoj: Brazilo 1, Nederlando 1, Zaragoza 72, Barcelona 45, Valencia 29, Vizcaya 6, Guipúzcoa 5, Madrid 3, Lérida 3. Oviedo 2, Islas Canarias 1, Tarragona 1, Alicante 1, Pamplona 1, Córdoba 1, Teruel 1,

---

## AL LA HISPANAJ ESPERANTISTAJ FERVOJISTOJ

**Dum nia venonta XV-a Hispana Kongreso de Esperanto, ni, la hispanaj Esperanto-fervojistoj devas krei nian Sekcion, kiel fakon de nia Federacio, kaj aliĝi al la I. F. E. F. (Internacia Federacio de Esperantistaj Fervojistoj). Jam nun, ni deziras kontaktigi ĉiujn interesulojn, do ni petas bonvolu vin turni al S-ano PUERTOLAS, kies adreso estas: «FRATECO», ESPERANTISTA SOCIETO, Santa Isabel, 10, Zaragoza, kun la celo prepari la laboron por ke ĉio estu preta por la fondo de nia Sekcio dum la venonta nacia Kongreso.—Bergés**

# LETEROJ AL VIZITONTOJ

## I

Veninte en nian urbon, eble vi rimarkos ke ni ĝuas helan sunon, fortan venton («cierzo») kaj tre diversajn bongustajn legomojn. Eble vi aŭdis, ke en Zaragoza pluvas tre malofte, kaj tio estas vera. Sekve prezentiĝos antaŭ vin la demando: Kiamaniere la ĉi tiea grundo povas liveri tiajn sukoplenajn fruktojn, se ja la pluvoj estas tiom maloftaj?

Kvankam la pluvoj ne abundas, tamen kiam la nuboj iam verŝas sian akvon, tiam tre ĝenerale ne okazas pluvo, sed pluvego, vera diluvo, terura kaj senkompata akvofalo, tre ofte akompanata de hajlo, en kiu kelkfoje la hajleroj estas de la kokinova grando. Ĉar la montoj ne povas reteni tiom da akvo, ĝi disfluas torente laŭ la deklivoj rultrenante la ŝtonojn al la valoj kaj riveroj, ĝis la apudriveraj kampoj, kie ĉio detruiĝas pro tiom terura subŝtonigo. Antaŭ nelonge oni povis vidi du-kaj-duonmetrajn ŝtontavolojn, kovrantaj longajn pecojn de la ŝoseo al Huesca, kaj oni devis labori dum multaj semajnoj ĝis malaperigo por normala trafiko, de tio kion dum nur duonhora ŝtormo subŝtonigis la akvofluoj alvenintaj el la famkonata montkrutaĵo «Barranco Cansado» kaj aliaj venintaj el la bienego «Castellar del Duque». Tial, multaj miras pro la fakto, ke en tia «nepluvema» regiono oni povas kulturi legomojn, fojnon kaj sukerbeton. Sed tute ne temas pri miraklo.

De kiam la romanoj loĝadis ĉi tie, oni pensis konstrui akvohaltejojn en la riveroj Jalón, Gállego, Huerva kaj Ebro, per kiuj povi devojigi la akvon mezdeklive kaj venigi ĝin al kultureblaj pli malsupraj terenoj. Proksime al Santa Fe (apuda vilaĝo) oni povas ankoraŭ diveni la roman akvohaltejon por la kanaleto «Alfaz». La ankoraŭ funkcianta kanalo «Almozara» estas konstruita de la araboj, dum ilia reganta epoko, por irigacii precipe la «Aljafería»-palacon. Sed poste oni konstruis la ĉefajn kanalojn. El la rivero Ebro venas la «Canal Imperial» (Imperia Kanalo), ĉefa akvokondukilo por la urbo. Ĝi kapablas normale alporti pli ol dudekkvin kubajn metrojn posekunde. El ĝi oni prenas la akvon por la urbaj bezonoj, kaj ĝi irigacias, krom aliajn, la terenojn de la Sindikatoj de Miralbueno kaj Garrapinillos, kiuj ampleksas pli ol sep mil hektarojn da fruktodona grundo. Ĝuste inter ambaŭ Sindikatoj kuŝas la suda parto de la urbo, kaj antaŭ nelonge tra nun centraj avenuoj kaj stratoj serpentumadis kanaletoj de tiuj Sindikatoj.

El la rivero Huerva venas du kanaletoj: unu en la dekstra flanko irigacias la nunan «Alfaz»; la alia en la maldekstra la Sindikatojn de Almotilla kaj Miralbueno el Viejo. Entute preskaŭ cent hektarojn. El la rivero Jalón venas la kanalo «Almozara», supre jam menciita, kiu donas akvon al 1,000 hektaroj. Kaj kiam en la somerfino mankas akvo al la rivero Jalón, la Imperia Kanalo provizas la «Almozaran». El la rivero Gállego venas la tri kanaloj «Rabal», «Camarera» kaj «Urdán» kiuj kune irigacias 8.200 hektarojn. Do la irigaciebla kamparo de Zaragoza ampleksas ĉirkaŭ la urbo 16.300 hektarojn. Estas strange, ke oni ankoraŭ ne konstruis grandan kanalon en la maldekstra flanko de la rivero Ebro. Tiu kanalo liverus akvon al la kamparo situanta je la nordo de la urbo, ampleksanta proksimume dek mil hektarojn.

Jen kiel la homa persisto, dum multaj generacioj, kapablis venki la ventegan kaj sekan klimaton de Zaragoza, kaj transformi deveníntan preskaŭ ŝtonan dezerton en belan kaj utilan ĝardenon.

*Eŭma.*

BONVOLU PAGI LA FEDERACIAN KOTIZON

# D I V E R S A Ĵ O J

***Ni disdonos libropremiojn al ĉiuj membroj de nia Federacio kaj abonantoj de BOLETIN, kiuj sendos la solvojn de la enigmoj, laŭ jenaj kondiĉoj: Por ĉiu solvo ni donos unu poenton, kaj kiuj atingos 10 poentojn, ricevos la libropremion.***

SOLVO DE LA ENIGMO N.° 2

*Horizontale:* 1 Korp, rapa. 2 Ofera, peron. 3 River, okope. 4 Citi, domo. 5 Dig, iri. 6 Ro, gi, ad, do. 7 Opio, olik. 8 Vel, sel, ara. 9 Op, sagav, ul. 10 Kolegio. 11 Monumento.

*Vertikale:* 1 Kor, provoj. 2 Ofic, opep. 3 Revid, il, ko. 4 Pretigo, son. 5 Arigi, salu. 6 Regem. 7 Podia, lage. 8 Rekordo, vin. 9 Aromi, la, ot. 10. Popo, diru. 11 Ane, pokalo.

ENIGMO N.° 3. Krucvorta enigmo, de Andrés Candela. Figuro: sama kvadrato aperinta en la januara kaj februara numeroj de nia bulteno.

*Horizontale:* 1 (rad) Subite preni, riski sumon en ludo. 2 (rad) Preciza loko kie oni loĝas, (rad) malsupera oficisto de universitato aŭ juĝejo. 3 Malgranda mambesto mustelspeca, tre facile vaporiĝanta fluaĵo. 4 Mordeti, reproduktonta grajno. 5 (rad) Faldi parton de velo por malgrandigi la supraĵon allasitan al vento, multekosta metalo. 6 Prepozicio montranta originon, persona pronomo, sendube, ekkria vorteto. 7 (rad) Ligna batalilo kun akra ferpinto, (rad) gravurita desegno kies entajlojn oni plenigas per nigra emajlo. 8 Tendenci, (rad) konusforma fiŝkaptilo, adverbo montranta la superlativon. 9 Adverbo esprimanta mankon de la priparolita ago, senviva, numeralo. 10 Subtenilo de folio. 11. Luma kaj gasa atmosfero kiu ĉirkaŭas la sunon.

*Vertikale:* 1 (rad) Tre ofta trinkaĵo, antikva nomo de hindeŭropaj triboj kiuj fiksiĝis en Grekujo. 2 (rad) Amegi, (metafore) nekomplete. 3 (rad) Monaĥejestro, persona pronomo, prepozicio signifanta disdividon. 4 (rad) Daŭra inklino al io difinita, (rad) lokumi. 5 (metafore) Forte deziri, skriba rimarko. 6 Fabrikis. 7 Sudamerikaj monunuoj, (rad) rusa mezuro valoranta iom pli ol unu litro. 8 (rad) Havanta longan sperton, (rad) avenuo. 9 Ŝvelo pro infiltriĝo de sero, verba pasiva formo, (rad) flava metalo. 10 Planedo, ideo konforma al la realo. 11 Aparato, (rad) elekti kun la celo plibonigi.

ENIGMO N.° 4. La tri fruktvendistoj, de V. Monsalve. Tri stratаj fruktvendistoj havas 30, 40 kaj 50 bananojn, respektive. Ili povas ilin vendi, aparte, je la samaj prezoj kaj kolekti saman kvanton da mono. Kiel?

---

RUZA PSIKOLOGO

Iam (la dato ne gravas), amerika kuracisto, kies nomon oni ne bezonas memori, anoncis per la gazetaro ke li eltrovis rimedon por rejunigi la virinojn post kvardek ok horoj de la komenco de la kuracado. Por atingi tion, nur estas necese sendi al li la adreson, la baptonomon, la familiajn nomojn kaj la ĝustan tute ekzaktan aĝon, kiun havas la virino kiu volas rejuniĝi, kaj poste, iri ĉe la kuraciston. Ĉi tiu, unue postulas la duonon de la honorario, kaj, due, sidigas la klientinon en oportunan brakseĝon kaj aldirektas rekte kontraŭ ŝia vizaĝo la lumajn radiojn de elektrolampo, admonante al ŝi, ke ŝi restu tute silenta dum kelkaj minutoj. Poste li diras al ŝi, ke ŝi revenu post du tagoj.

En la sekvanta tago, li adresas al ŝi karteton dirantan ke ŝia slipo bedaŭrinde perdiĝis, kaj ke, en sia reveno al li, ŝi nepre portu skribita sur papereto sian veran aĝon, ĉar, transpasante certan nombron da aĝjaroj, lia procedo ne efikas. Sed okazis tio, ke, timante esti tro maljuna por povi rejuniĝi, ĉiu virino deprenis de sia aĝo almenaŭ kvin jarojn. Ĉe la dua kunsido, la kuracisto, sidiginte la klientinon en la brakseĝon, faris duan slipon, ŝajnigis serĉi pli bone la unuan, kaj, ĝin trovinte, aldiris:

«Kara sinjorino: Komparu viajn du slipojn kaj vin konvinku. Antaŭ du tagoj vi havis *tiom* da jaroj kaj nun vi havas ***kvin*** malpli. Vi, do, jam rejuniĝis».

Antaŭ tiu neatendita klarigo, multaj virinoj paliĝis, multaj koleriĝis, kelkaj ruĝiĝis kaj aliaj ridegis. Multaj eĉ pagis la duan honorarian duonon!

***Samuel Roca Rodó.***

# ☆ LA LERNEJO

*Kelkaj samideanoj petis al ni, reaperigi la sekcion LERNU TRADUKANTE, kaj ni tre volonte konsentas, ĉar nia deziro estas, antaŭ ĉio, komplezi la legantaron. Ankaŭ, kiel antaŭe, ni distribuos libropremiojn, sed ne kiel ni antaŭe faris, sed same kiel ni agas rilate la solvojn de enigmoj. Por ĉiu korekta traduko ni donos unu poenton, kaj kiu atingos 10 poentojn, ricevos la premion. Por akiro de la deknombra poentaro, povas sumiĝi la poentoj pro la enigmoj kaj pro la tradukaj taskoj. Ni enmetis ĉi tiun sekcion en nian rubrikon LA LERNEJO, ĉar fakte ĝi estas lerniga afero. La kutimajn respondojn de la malnova LERNEJO ni daŭrigos sub la titolo LINGVA KONSULTEJO.*

## LERNU TRADUKANTE

Retraduku esperanten la jenan tradukon de verko de malnova tre bonstila esperantisto:

**Él miró alrededor, como para comprender cómo se puede no simpatizar con la naturaleza. Ya se aproximaba la caída de la tarde, el sol se ocultaba tras un pequeño bosque de álamos temblones, que crecía a media versta del jardín, y arrojaba una interminable sombra sobre los inmóviles campos. Un campesino cabalgaba al trote en un caballo blanco, por un oscuro y estrecho caminito al borde del bosque: aunque cabalgaba en la sombra, era todo él claramente visible; incluso se podía ver un zurcido en su espalda. Los rayos del sol penetraban en el bosque y, horadando la espesura, vertían sobre los troncos de los álamos una luz tan caliente, que semejaban pinos; sus hojas parecían casi azules y sobre ellos, en la altura, se extendía el cielo azul claro, delicadamente bordeado por la aurora. Las golondrinas volaban en lo alto, el viento empezaba a quedar en silencio; rezagadas abejas lenta y somnolientamente zumbaban entre unas lilas; un enjambre de moscas danzaba sobre una solitaria rama extendida. ¡Qué bello es todo esto, Dios mío!, pensó Nicolás.**

---

## La Fondinto de nia Esperanta Kurso per Korespondado



Nia simpatia, juna kaj aktiva samideano Ramón Molera faras atentindan poresperantan laboron en Moyá (Barcelona) kaj kreis tiun utilan Esperantan Kurson per Korespondado, admirinda kontribuo al la progresigo de la internacia lingvo en nia lando. Li esperantistiĝis en 1937, kiam li estis nur 14-jaraĝa, kaj tuj konvinkita, ke nia afero meritas plej grandan entuziasmon, li sin dediĉis plene al Esperanto. De tiam, li klarigis multajn kursojn kaj, en kunlaboro kun S-ano José Solá kaj aliaj samideanoj, fondis la lokan Esperanto-Grupon kaj vekis en la ekstera publiko estimon kaj respekton por nia afero. Sed la kulmino de lia esperanta agado estas la fondo de la Esperanta Kurso per Korespondado, tiom utila precipe en tiuj lokoj, kie ne ekzistas samideanaj rondoj nek instruistoj. Tio estas lia propra kreaĵo. Krome, li gvidas la Esperanto-kurson, kiun publikigas la filatela revuo ALHAMBRA, li redaktas la respondojn al la lingvaj demandoj en nia rubriko LA LERNEJO, estas la direktoro kaj administranto de la loka gazeto LA TOSCA, kie li aperigas tre oftajn

a la lasta paĝo

## LIBROSERVO DE H. E. F.

Ĵus aperis la bona lernolibro de Fernando Soler Valls *El Esperanto al Alcance de Todos.* Prezo: 15 pesetojn.

Ankaŭ ni povas liveri *Elementos de Esperanto,* de la sama aŭtoro. Prezo: 2 pesetojn.

Poŝtkartoj kun portreto de Beata Papo Pio X, protektanto de la esperantistoj, kun eklezie aprobita preĝo en Esperanto. Eldonitaj de Unio de Italaj Katolikaj Esperantistoj. Prezo: 2 ekzempleroj 3 pesetojn.

Ni informas, ke la Biblio estas elĉerpita.

## DONACOJ AL NIA BULTENO

**Antaŭa sumo 1.052 pesetoj.**

**G. Bosch, 25 pesetoj.-M. Real, 10.-R. Molera, 22. M. Vives, 10. — A. Pastor, 25. — P. Piquer, 10.— E. Moynar, 10.—J. Martínez, 10.—E. Travé, 10.— M. A. Perles, 8.-J. Guillomía, 10.-Iberia E-Servo, 24.—J. Devís, 10.-A. García, 5.-A. Sánchez, 10 — J. Ezquerra, 100.-F. Soler, 50.-M. Casasnovas, 15. J. Gascón, 25.—L. Pérez R., 25 -F. Enfedaque, 10. V. Arís, 10.-E. Guillem, 10.—E-Fako Tarrasa, 18. F. González, 10. — P. Más, 10. — J. Puigvert, 25.**

**Entute 1.559 pesetoj.**

***Koran dankon al ĉiuj donacintoj.***

Donacoj por la Fondaĵo Montevideo

**Esperanto - Grupo de Valencia, 100 pesetoj.— Ernesto Pérez 10.-Rafael Herrero 25-Juan Bosch 50**

**Entute 185 pesetoj.**

***Ni daŭrigas ĉi tiun kolekton, kiel helpon por ke reprezentanto de la Esperanto-movado defendu nian aferon en la venonta kunsido en Montevideo.***

**LA FONDINTO:** **de la paĝo 39**

**artikolojn pri Esperanto. Li eĉ esperantistigis sian 5-jaran filineton Ana María —ĉi tio estu ekzemplo por multaj esperantistaj gepatroj, kiuj ignoras sian unuan devon— kaj en ĉio rilate la movadon li ĉiam staras en la unua vico. Li komprenebla ankaŭ estas la loka Delegito de U. E. A.**

**Ni publikigas foton, sur kiu S-ano Ramón Molera aperas kune kun aliaj membroj de la loka Grupo. Kaj li eĉ estas tiom modesta, ke oni ne vidos lin en la unua vico: li estas tiu en blanka jako kaj kun malhela kravato, en la malantaŭo maldekstre. Kara samideano Ramón Molera, ni tre fiere kaj altestime salutas vin!**

## Venontaj Esperantistaj Kunvenoj

39-a Universala Kongreso de Esperanto
Poŝtfako 140, Haarlem, Nederlando
31 Julio — 7 Aŭgusto 1954

Seminario
**por Cseh-metodaj geinstruistroj.**
**Gvidanto: Andreo Cseh**
**29, 30, 31 de Julio 1954**
**en Haarlem, Nederlando**
**Informoj ĉe**
**INTERNACIA ESPERANTO-INSTITUTO**
**Riouwstraat 172, Den Haag, Nederlando**

Esperanto - Antaŭkongreso
**Houwerstraat, 12**
Antwerpen, Belgujo
28 - 30 Julio 1954

**Esperanto - Postkongreso**
**Sam. Mullerstraat, 7.ª**
**Rotterdam - West, Nederlando**
**7-11 Aŭgusto 1954**

**10-a Internacia Junular-Kongreso**
**Corn. Evertsenstraat, 22**
Hilversum, Nederlando
**24 - 31 Julio 1954**

Internacia Renkontiĝo de la
Estanta Generacio
Seminarioj de 14 tagoj
De Junio ĝis Septembro 1954
Salzburger Volkshochschule
«Erlebte Ferien»
Salzburg, Rathaus, Aŭstrio

## BONGUSTA RECEPTO

**Moderna rizo, laŭ D-ro V. L. Ferrándiz**

**Lavu la necesan rizon kaj lasu ĝin sekiĝi. Preparu bone kuiritan sukon, kun tomato kaj oleo. Kiam la rizo estos sufiĉe seka, aldonu kaj miksu unu ovoflavon por ĉiu porcio kaj metu la miksaĵon en kaserolon kun iom da butero. Aldonu la sukon de tomato, akvon kaj salon laŭ gusto. Lasu ĝin boli inter du fajroj ĝis ĝi estos sufiĉe densa.**

Trad: *Pepita Criach.*

PERIS - GRAN VIA M. TURIA, 28-VALENCIA